ISSN 0299-69

# LA GAZETO

## ENHAVO



**IVO LAPENNA MORTIS LA 15-AN DE DECEMBRO 1987.**

numero 14. 2a de la 3a jaro 30JAN88

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Michèle Schwartz

Adreso de la redakcio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

Abonoj ĉe:
CLUB D'ESPERANTO DE METZ,
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY

Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

**Jarabono**

6 sinsekvaj numeroj : 18 ekuoj
Vi povas komenci la abonon iam ajn
La Gazeto ne aperas dumsomere

**Anoncoj**

1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.5 ekuoj

**Recenzoj**

bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ LA GAZETO NE RESPONDECAS

## PERANTOJ:

***Aŭstrio :*** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 265 ŝilingoj.*
***Britio :*** *Goeffrey KING, 228 Capworth Street, London, E10 7HL; jarabono : 12,5 pundoj.*
***Danio :*** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 140 danaj kronoj.*
***Francio :*** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 125 francaj frankoj.*
***F.R. Germanio :*** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günne — Konto n° 31 377 021 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 37 germanaj markoj.*
***Hispanio :*** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 2600 pesetoj.*
***Hungario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 450 forintoj.*
***Italio :*** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 27000 liroj.*
***Jugoslavio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Duŝan ADNADJ, Ŝkolska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 4460 dinaroj.*
***Luksemburgio, Belgio :*** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 775 belgaj frankoj.*
***Nederlando :*** *Els KERVERS-VAN THOLEN, 38 Tienbunderweg, 6321CR - WIJLRE, ĝiro 467401; jarabono : 42 guldenoj.*
***Norvegio :*** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 140 norvegaj kronoj.*
***Pollando :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1950 zlotoj.*
***Svedio :*** *Gösta PERSSON, Buntmakaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĉirkonto : 434 1664-3; jarabono : 130 svedaj kronoj.*
***Svisio :*** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds — Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 31 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra la abonhelpa fonduso bv. skribi al LA GAZETO*

Aperdato de la venonta numero : **15MAR88**
Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# SEN LAPENNA

**SEN LAPENNA.**

Ĉiu vivo estas silueto sur horizonto de morto; ĝi ek-ekzistas kiam ĝi finiĝas. Nun ni ekscias kiu estas Ivo Lapenna, ĉar de nun li ekzistas kun la densa realeco de aĵoj senvivaj, ne plu ŝanĝeblaj. De nun li utilas al ĉiuj, kiuj bonvolas uzadi lian nomon, prestiĝon, famon. De nun ĉiuj el ni havas sian Lapennan. La mian, mi ekkonis en Strasburgo, Francio, dum la tiea NEM konferenco, en 1980a.

**Oratoro konvinka,**

certe li estis. Mi ne plu memoras pri kio li parolis, sed lia belsona lingvaĵo pruvis al mi la veran vivantecon de Esperanto, pri kio mi tiam ankoraŭ ne estis konvinkita. Mi sidis en la konferenca salono kvazaŭ en operejo, mi aŭskultadis la melodion kaj ne tro atentis la libreton. La somera suno enradianta ludetis per la hararo de blonda virino sidanta antaŭ mi. Ŝi rigardis, kiel multe da aliaj, la oratoron, kun fervora okulbrilo. Tia preĝeja



*Ivo Lapenna en Metz (1985)*

etoso iom timigis min, mi do, malgraŭ mia pozitiva opinio pri Lapenna, distanciĝis de lia movado dum kelkaj jaroj. Tamen, de tiam, mi interesiĝis pri lia persono, lia verkaro, liaj ideoj. Mi ellegis lian plej konatan libron titolitan

**RETORIKO.**

La sep unuaj ĉapitroj de ĉi tiu libro elmetas la lingvistikajn opiniojn de la aŭtoro por fondi retorikon en la internacia lingvo. Ili estas interesaj malgraŭ la iom materiisma kaj marksisma etoso fontinta el la kulturo de la verkinto. Nur depost la 8a ĉapitro temas pri parolarto, sed eĉ en ĉi tiu dua parto la ĝeneralaj prikonsideroj estas pli longaj ol la simple teknikaj priskriboj. Temas pri kulturo, moralaj ecoj, psiĥo-sociologiaj analizoj multe pli interesaj, ol estus praktikaj konsiloj, kiuj,




certe, ne forestas. Sed malfacilas resumi libron vivantan, spritan, ofte eĉ gajan. La absurdaj teoriumadoj de lingvistoj pri la lingvo en kiu Dio en Paradizo alparolis Adamon, resendas nin al certoj plejuniversitate eldiritaj de nuntempaj specialistoj, kaj konvinkas nin neniam meti la sorton de nia lingvo en manojn de lingvofakuloj. "RETORIKO" estas tre legebla kaj tre leginda libro, tia kia ne oftas en Esperanto, tamen ĝi ne esprimas la bazajn ideojn de Lapenna pri la Movado kaj ĝiaj politikaj, sociologiaj, psiĥologiaj problemoj. Nur la alta nivelo intelekta, kiun postulas la parolarto en nia lingvo, laŭ Lapenna, elmontras kian Movadon kaj kian Esperanton li alsopiris.

**"ELEKTITAJ PAROLADOJ KAJ PRELEGOJ"**

jam multe pli bone klarigas la ideologion de nia plej elstara movad-organizinto. Sobra, homama, humanisma ideologio. Realisma ĝis troigo. Praktika kaj unuanimisma, iom teknokrateca. Ĉiumaniere neniu povas ne altetaksi la kulturon de Ivo Lapenna. Li egale bone verkis en kvar lingvoj, kaj nur per ĉi tio li jam pruvis la almenaŭ egalan valoron de Esperanto en la kulturvivo. Fakte, tiu kiu povas legi la kroatan, la francan kaj la anglan, konvinkiĝos, ke Esperanto estas pli kapabla ol la aliaj, por pluportadi la opiniojn de Lapenna. Kiu mirus pri ĉi tio? Li elspezis sian tutan vivon en la servo de Esperanto.

**"AKTUALAJ PROBLEMOJ DE LA NUNTEMPA INTERNACIA VIVO"**

ankoraŭ pli bone eksplicitas la direkton de la pensado de Lapenna : internaciismo kaj malamo de ĉio homdetrua. Li ekkonscias nur en

**"HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO"**

pri la disciplinita kanajleco de ŝtatamantaj ideologioj, kaj de tiam li sentas, ke internaciismo, se ĝi ne estas humanisma, povas nur malutili al la homa persono. Endis la 1974a konspiro kontraŭ lin, por ke li klare alvenu al la konceptado de **humaneca internaciismo,** kiu restos por ni probable la plej grava ideo pri la movada agado, kiun ajna famulo de Esperanto iam postlasis.

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

**Disvolvigi liajn ideojn**

ne estas neebla tasko; ni povas tion fari, se restas kun ni sufiĉe multnombraj Esperantistoj. Sed la problemo kuŝas precipe en ĉi tio! Nun, de kiam lia persona altirforto mankas al ni, nun, de kiam ni ne plu havas la respekton, kiun li inspiris al ĉiuj, ĉu la valoroj, kiujn li defendis "**defende de Esperanto**", estas, sen li, sufiĉe fortaj por ade kunteni la malgrandan grupon de esperantistoj, kiuj deziras kulturon, liberon kaj aktivan neŭtralecon?

**Ivo Lapenna konstruis UEA-n**

kaj ĉi tiun gigantan neregistaran organizaĵon kaperis politikaj potencoj, samkiel aliajn similajn organizaĵojn. Lapenna per ĉiuj siaj fortoj klopodadis konservi la neŭtralecon de sia konstruaĵo. Ĉiuj scias kiel kaj kiam li definitive malsukcesis. Li fondis ICNEM por konstrui premgrupon, kiu sen detrui UEA-n, revenigus ĝin al neŭtrala linio. Li esperis, ke la miloj da esperantistoj, kiuj esprimis konfidon al li, kiuj promesis al li kunlabori kaj sindediĉi al la savado de la plej granda Esperanto-asocio, grupiĝos ĉirkaŭ li, sufokos la sovetiisman organizaĵon kaj devigos ĝin voki Lapennan, denove, por eviti kolapson. Li foriris el UEA en 1974a, samkiel de Gaulle forlasis la francan registaron en 1946a, kun la konvinko, ke kiam gravaj malfacilaĵoj trafos Francion, oni petos lin reveni por fari novan konstitucion. De Gaulle pravis kaj ekstarigis la 5an Respublikon en 1958a; Lapenna ne vivis sufiĉe longe por reveni al aferoj de UEA. Li malfondis ICNEM-on dum la Graz-a IK, ĉar li ja sciis tiam, ke ne plu restas espero por modifi UEA-n. Se li ne kapablis tion fari per 13-jara laboro, neniu, post li, sukcesos. La 1974a puĉo definitive sukcesis nur en 1987a. Neniu plu petos UEA-n ne servadi la sovetiisman propagandon de siaj plej potencaj landaj asocioj.

**De nun ni estas sen Lapenna.**

Nun ni devos decidi ĉu utilas, aŭ ne, al Esperanto, la ideoj, kiujn ni defendadis, la valoroj de aktiva neŭtraleco, de homaj rajtoj, de humaneca internaciismo, de intelekta libereco, de kultura tutmondeco.
Aŭ ni devas reorganizi la kolegaron de la NEŬTRALA ESPERANTO-MOVADO en societon, kiu subvencios niajn eldonaĵojn, organizos niajn internaciajn konferencojn, solidarece protektos ĉiujn esperantistojn persekutatajn pro Esperanto kaj ĝia idearo; aŭ ni devas ĉesigi nian specifan Esperanto--agadon.

**Leganto! La estonteco dependas de Vi.**

Aŭ vi ĉeestos la Internacian Esperanto-Konferencon, en Metz (Francio, 30JUL-6AŬG88), kie ni kune difinos agadprogramon por la estonto,
- aŭ vi, <u>vi mem kaj ne ni, kelkaj senfortaj</u>

individuoj sen baza apogo, decidos pri la elĉeso, en Esperantio, de Internaciaj Esperanto-konferencoj, de LA GAZETO, de ĉiuj neŭtralismaj kaj humanismaj agadoj je la fino de ĉi tiu nova jaro 1988a.

Se vi volas, ni reorganizos en potencan societon la neŭtralan esperantistaron, kaj ni daŭrigos per novaj metodoj modernaj la 60-jaran bataladon de Ivo Lapenna por Esperanto; sed, se vi tiel volas ni oferos al liaj manesoj funebron de stepa moŝto, entombigante kun li ĉion, kion li amis kaj ĉion, kion li akiris.

*Eugène de ZILAH*

## ABONHELPA FONDUSO

por helpi niajn samideanojn en kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn. Ni dankas al :

| | | |
|---|---|---|
| *S-ro DEUTSCH* | *D* | *2.00 EKs* |
| *S-ro ORLIANGE* | *F* | *18.00 EKs* |
| *S-ro JUIN* | *F* | *20.00 EKs* |
| *S-ro LAUBACHER* | *F* | *7.70 EKs* |
| *S-ro ANDERSEN* | *DK* | *12.50 EKs* |
| *1D102905* | *D* | *8.60 EKs* |




***W. Günther, (D)***

*Akceptante vian temon de LG 11 kaj espereble evoluigante la diskuton pri la nocio "neŭtraleco" :*

*Flanke de la ekologia movado, t.e. de la konceptoj de la ekologia "politiko", oni absolute povas subteni la argumentadon de E. de Zilah.*

*Tamen mi kuraĝas konstati, ke tio, kion li tezis, estas nur duono de la vero, tiu duono, kiu bone savindas kaj savendas el la tradicio de la esperantismo. Same kiel ekzistas multaj duonoj de filozofiaj idearoj, de partiaj programoj kaj praktikaj modeloj laŭ tiaj valorsistemoj; duonojn, kiujn oni efektive povas akcepti kiel ekologo. Tion aparte en kazo, se temas ĉe kontraŭagado pri batal(em)o kontraŭ la homdifektaj ideoj, ofte la plej konataj "...ismoj".*

*Sed, do, kio pri la alia duono. Kio pri la vivodetru(em)aj ideoj en la tradiciaj kaj nuntempaj valorsistemoj. Laŭ mi la ĉefa antaŭenpaŝo en la evolu(ci)o de la ĝenerala politika konscio de LA homaro estas la perkoncepta limigo de valorsistemoj, inkludantaj la nocion "neŭtraleco", al konsekvenca obeado de la interesoj de la biosfero. Tio ĉi reale signifas limigon de la homaj interesoj favore al minimume tiuj interesoj de la naturo, kiuj estas interkonsenteblaj de la tuta homaro! Kaj eĉ pli detale tio ĉi signifas liberigon de kaj rezignon pri materialismaj strukturoj favore al spiritivaj.*

*Ĉiu nocio pri neŭtraleco, kiu ne konsekvence internigas tiun duan duonon, ekdekomence maltrafas estontindan socion. Kaj ĉiu esperanta organizaĵo, kiu strikte sin dediĉas al ambaŭ duonoj, rajtas nomiĝi "pli esperantisma" kaj ekbatali en la senco de E. de Zilah kontraŭ la tradiciaj, laŭ ni malpli moralaj konceptoj.*

*Nur imagu : Kia koncepto pri la neŭtraleca kulturo, kiu lingve helpas la homaron pace, demokratie kaj homrajte detrui la naturon!*

*La ekvacio de E. de Zilah "neŭtraleco = interna ideo = humaneca internaciismo" estas facile senkaŝigebla anonco pri esperantisma valorsistemo, kiu rezignas pri oficiala porviva celkoncepto minimume tekstanta "instrumentigo kaj realigo de Esperanto en hom-*

*devena valordonado kadre de konsekvence nedifektita naturo". La grava demando estas : Kiu esperantisto volas vere responsi pri internacia pliperfektigo de la homara kaj apudhomara nuliĝo? Aŭ ĉu ni akceptu tiun lastan, se (aŭ ĉar) temas pri ĝenerala morto?*

**LG** : Vi prave substrekas, ke nia aktiva neŭtraleco ne povas agnoski vivodetruajn idearojn. Ĉu necesas rimarkigi, ke "humaneca" internaciismo ne sinonimas je "homeca" internaciismo, almenaŭ ne se "homeca" kompreniĝas kiel ĉe Nietzsche, "homeca, tro homeca". La radiko "human-" orientigas niajn mensojn al Renesanca volo harmonigi la sciojn kaj agojn de la homo kun la realo. "Humana" signifas, laŭ PIV, "posedanta la plej noblajn ecojn de la homo, kompatemon, bonfaremon, helpemon". Do, vi pravas, la humaneca internaciismo inkluzivas ĉiujn klopodojn por ke la vivokondiĉoj sur nia Tero entute pliboniĝu. Restas la problemo de la eraroj kaj falsaj teoriigoj de ĉiuj homsciencoj, ankaŭ de ekologio. Pro tio, eble estas pli bone, ke la nuntempajn ekologiismajn tezojn defendu Esperanto-asocio ekologiisma, sen enfiksigi ilin en statutojn de ĝeneralaj Esperanto-organizaĵoj.

## ŜAKPROBLEMO "ŜPB-14"



Situacio de la blankularo : rA6; tA7.
Situacio de la nigrularo : rB8; pC2.
La blankuloj ekludas kaj sukcesas sendecidan partion.

Tri solvintoj ricevos premion se ilia solvo alvenos antaŭ 15MAR88.

## SOLVO DE "KVE-13"

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | K | V | I | N | T | E | S | E | N | C |
| 2 | O | J | T | ■ | E | C | I | O | I | E |
| 3 | N | O | R | E | N | A | ■ | D | O | R |
| 4 | K | L | I | P | E | R | O | ■ | B | K |
| 5 | O | ■ | O | I | S | ■ | P | R | A | O |
| 6 | R | H | ■ | G | I | N | E | A | ■ | P |
| 7 | D | O | V | R | O | ■ | R | Ŝ | ■ | I |
| 8 | A | K | E | A | ■ | K | A | ■ | A | T |
| 9 | N | ■ | R | M | ■ | A | Ĉ | I | D | E |
| 10 | C | I | B | E | R | N | E | T | I | K |

## SOLVO DE "ŜPB-13"

1. kH6-C1 ...B6-B5
2. tD1-D2 ...rE4-F4
3. tD2-D4 ... (mato!)

**Gratulojn al la solvintoj de la krucvortenigmo "KVE-11"**

**s-ino Geneviève Mailiart (F)**
**s-ro Mogens Rude Andersen (DK)**
**d-ro Jean-Luc Tortel (F)**

## LATINAMERIKA MEMUARO

Ĵus trafis en niajn manojn nova revueto 20-paĝa el Sudameriko : LATINAMERIKA MEMUARO. Aspekte povra, laŭ la enhavo ĝi estas interesa. Ĝi prezentiĝas kiel "kvarmonata informilo de la LATINAMERIKA PER-ESPERANTA KULTUR-CENTRO" (LAPEK), kiu estas "nemonavida organizo funkcianta per Esperanto" kaj "celas pliigi la kulturan interŝanĝon inter Latinameriko kaj la mondo pere de la Internacia Lingvo". Sur la fronta kovrilpaĝo de la n-ro 1, blua kaj mola, la revueto montras mapskizon satirecan, kiu elmontras la Usonan trudinfluon en Latinameriko kaj sur la lasta, sur humorbildo la sloganon : FOREN, LA HISTERIA MATERIISMO! Vi do scias kio atendas vin, se vi malfermas la periodaĵon : tekstoj radikalaj kaj samtempe katolikaj, pli-malpli bonaj, sed ĉiam kuraĝaj. Sur la dua paĝo mallonga citaĵo de **Eduardo Galeano :**

"La multnombriĝo de revuoj kaj publikaĵoj ĉiam montras la krean kapablon de tiuj rondoj, kiuj ne aliĝas al la reganta, oficiala kulturo disvastigata per la televido, la grandaj ĵurnaloj aŭ la libroj grandkvante eldonataj de la monavidaj eldonejoj. Mi kredas, ke tiuj publikaĵoj estas kiel la subteraj riveroj, kiuj eble estas la veraj riveroj. Nu, ne ĉiam gravas ĉu la literatura akceptebleco de ĉiu verkaĵo estas alta aŭ malalta, vere gravas nur tiu nebremsebla komunikemo, kiu poste eble fariĝos serioza ofico. La ofico verki estas treege malfacila; oni devas ĝisvenke batali kontraŭ la vortoj, kaj tre ofte oni mistrafas la vojon."

Poste ni povas legi opiniojn de
**Ernesto Cardenal**, jezuito, nuna ministro pri kulturaj aferoj en Nikaragvo, pri "LA REVOLUCIIGA EKLEZIO" :

"...la Evangelio estas revoluciiga."

"...ni havas rilatpunktojn kun ... marksistoj, kvankam ni diferenciĝas en ... agmanieroj."

"...el la kristana vidpunkto oni povas defendi ankaŭ la justan militon,..."

"**Gandhi,** kiu plej bone komprenis la instruon de Kristo, pensis, ke perforto estas preferinda al malkuraĝo, ke kiam paca agado ne eblas oni elektu perfortan agadon, ĉar malkuraĝemo estas aĉa kunlaboro kun malbonuloj, kun la subpremantoj."

Sekvas ĉi tiujn opiniojn poemo tripaĝa de la sama **Ernesto Cardenal :** "PREĜO PRI MARLIN MONROE", kiu estas kortuŝa verketo, eble eĉ bela en la hispana :

"...Sinjoro, - akceptu ĉe Ci - tiun ĉi knabinon - konatan sur la tuta tero - per la nomo Marilyn Monroe - kvankam tiu ne estis ŝia vera nomo - (Ci tamen ja konas ŝian veran nomon, - tiun de l'senpatrulinjo perfortita je la 9-jaraĝo, - la vendej-komizino - kiu je la 16-jaraĝo volis sin mortigi),..."

"...la templo - ne estas la filmejoj de la 20th Century-Fox la templo - ora kaj marmora - ja estas ŝia korpa templo,..."

"...Pardonu ŝin Sinjoro - kaj pardonu ankaŭ al ni - nian 20-Century tiun grandiozan filmon, kiun ni ĉiuj prilaboris..."

Sur la 6a paĝo estas movadaj informoj Sudamerikaj, poste denove tri paĝoj da poeziaĵoj de John J. Nieto, Jorge l. Garcia, Carlos a. Castrillon kaj de
**Jesus Cos Cause :** SKIZA BIOGRAFIO DE IU VJETNAMA INFANO :

"Li naskiĝis iun tagon
en iu vilaĝeto
dum iu bombardado.

Li mortis la saman tagon
en la sama vilaĝeto
dum la sama bombardado."

Se oni ne scius, ke la poeto estas Kubano, por reaktualigi la poemon, ni ŝanĝintus "Vjetnama infano" kontraŭ "Afgana infano", por ke la poemeto ĉiam veru.

Parabolon tripaĝan de Humberto Senegal sekvas du poemoj de Viktor, kaŝnome konata Ĉilia poeto, murdita dum la "Pinoĉeta Nokto", kaj ekonomia artikolo de Mario A. Alvarez : LATINAMERIKO MONE SANGAS, kun kelkaj trafaj rimarkoj :

"...La tutmonda krizo forfaligis la prezojn de la krud-materialoj kaj tio nudigis la veran situacion de ... (Latinamerikaj)... landoj. La mono... (pruntita)... malaperis en lukse modernaj banalaĵoj, en multekostaj armiloj montrataj nur en la ĉiujaraj paradoj, en stultaj faraonaĵoj imponaj, en la malmoralaj poŝoj de registaranoj. La nedaŭra prosperiĝo produktis malmulte da konkretaĵoj en la agrikulturo kaj la industrio. Nur la ŝuldo restis....".

Sume vi trovos kelkajn valorajn informojn pri Latinameriko kaj ĝia etoso. Oni devas ĝoji, kiam homoj volas fari ion kulturan en Esperanto, ĉu ne?

La simpatian kristana-marksisman revuon vi povas mendi ĉe

LAPEK,
Apartado Aéreo 528,
Armenia (Q)
Kolombio.

kontraŭ jarabono je 4.25 ekuoj (6 USAs).

EdZ



## KRUCVORTENIGMO "KVE-14"



HORIZONTALE:

1 - Tradukaĵ' de 72 tradukintoj. 2 - Ŝtata interlig' * Denove. 3 - Laŭregulaĵ' * Inklin' * Plateno. 4 - Belgio * Muzika teatraĵ' * Supren. 5 - Laŭnaciece Hendrik Adamson * Tuno * Argono. 6 - Brullok' de Jeanne d'Arc * Bele kantanta bird'. 7 - Konjunkcio * Perfekta lando de T. Morus. 8 - Armendevena franca kantisto * Magnezio. 9 - Rumanio * Finaĵo * Servistaĉi. 10 - Fama novelaro de Bokaĉo.

VERTIKALE:

1 - Trapasej' en Alpoj. 2 - Angla biero * Egipta havenurb' * Hispanio. 3 - Prieksplodaĵa scienc'. 4 - Sterilizita vatbul' * Unua. 5 - Unuiĝintaj Nacioj * Prepozicio * Vinber' * Metro. 6 - Sukerfonto * Nekonata fora land'. 7 - Gramo * Mil romane * Konduta kutimaĵar'. 8 - Moviĝ' * Senarba ebenaĵ' * Monogramo de konata slovaka esperantisto, aŭtoro de "Mediteme". 9 - Filo de filo * Porliga leda bend'. 10 - Ringo.

Tri solvintoj ricevos premion se ilia solvo alvenos antaŭ 15MAR88.

# KIEN NI IROS

Serena rivero, intimaj placetoj, mallarĝaj stratoj, malnovaj domoj burĝaj, rava muzeo bazita sur palaco galla-romia, gotikaj preĝejoj superitaj de impresa katedralo, imponaj monumentoj elvokantaj la militrolon tra la pasintaj jarcentoj... jen **Metz**, ĉefurbo de Loreno, arta kaj historia urbo de Orienta Francio, kadro de la INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO 1988.

La konferenco okazos **de la 30a de julio ĝis la 6a de aŭgusto**, tuj post la UEK en Roterdamo.

- Konferenca temo, **Internacia kaj Naciaj Kulturoj sojle de la 2a jarcento de Esperanto**, pritraktota de elstaraj prelegantoj : Bernard Aunis, Evaldo Pauli, Giorgio Silfer, Tyburcjusz Tyblewski, Walter Zelazny, Eugène de Zilah...
- Du kursoj : por komencantoj kaj konversacia kurso.
- Kunvenoj de kulturaj asocioj: filozofoj (FAT), historiistoj, ... kaj forumo de M.F.K.A.
- Kroma programo por junuloj.
- Distra programo por ĉiuj.
- Bankedo por frandemuloj kaj tutnokta balo por kuraĝuloj.
- Postkonferenca aranĝo : **„Tri tagoj en Parizo"**.

Vi estos prizorgita de la junuloj de la Esperanto-Klubo de Metz, entuziasmaj kaj efikaj : vi estos ĉarmita de la kongresejo, dekokjarcenta domaro ĉirkaŭ kvieta korto, taŭga por revi, mediti, debati, kafumi; vi estos ravita de la loĝado apud la urbocentro, tre komforta en hotelo aŭ tre malmultekosta en gastdomo, ambaŭ en trankvilaj kvartaloj.

**Rabatoj** por orienteŭropanoj, rifuĝintoj, junuloj kaj karavanoj de minimume 10 personoj.

INFORMU VIN ĈE : Madeleine de Zilah, 39 rue Joseph Hénot, F-57070 Metz (Francio).



**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA**, adreso: Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svisio). Sorĉa pejzaĝo de Ĵurasaj montoj kaj svisa perfekteco de komforto.



*Vintre en La - Chaux - de - Fonds*

- Esperanto-staĝoj por komencantoj kaj progresantoj : 15-20FEB88, 21-26MAR88.
- 15-20FEB88 : MODERNAJ PENSULOJ INTER ORIENTO KAJ OKCIDENTO, 2a Seminario pri la PENSMANIEROJ OKCIDENTA KAJ ORIENTA. Analizo kompara de la fundamentaj pensoj de Ŝri Aurobindo, Ŝri Ramakriŝna, Mahatma Gandhi, Kriŝnamurti kaj de Gurdjief, Aleksandra David-Neel, Lanza del Vasto, Maŭ Zedong, Georges Vallin - Lekcios Eugène de Zilah, filozofo.
- 20-22 FEB 1988 : BAHAA RENKONTIĜO organizita de Dietrich Weidmann.

## La Migranto

riĉe ilustrita revuo pri turismo, naturbelaĵoj, flaŭro kaj faŭno, ekologio, naturprotektado kaj kulturaj aferoj, estas eldonata de la Esperanto-Fako de Turista Asocio „La Naturamikoj" (TANEF). Ĝi aperas kvaronjare kaj kostas nur 7.00 fr. sv. Petu senpagan provekz-eron de : Liesel Nagel, Roseggerstr. 17, D - 7800 Freiburg, F.R. Germanio.

Bahaa Esperanto-Ligo (BEL) aranĝos seminarion pri „La rilatoj inter la Esperanto-Movado kaj la Bahaa religio" en la Kultura Centro Esperantista de La Chaux-de-Fonds (Svislando), okazontan de la 19a ĝis la 22a de Februaro 1988.
Por aliĝoj bv. kontakti : Dietrich Weidmann, Kronenhalde 12, CH-8200 Schaffhausen.

- 4-9 APR 1988 : ĈU EBLAS SOCIETO SEN LEĜOJ? 1-a seminario pri HOMARANISMAJ ESPLOROJ. Instruos François Degoul.
- 4-9 APR 1988 : INTENSIVA PRETIĜO AL TRAPASO DE ESPERANTO-EKZAMENOJ. Instruos Claude Gacond.

Prezoj de semajna aranĝo : 360 CHs (207 ekuoj) en kvarlita ĉambro, 390 CHs (224 ekuoj) en dulita ĉambro, 450 CHs (258 ekuoj) en unulita ĉambro.

## LA DEKERARA TEKSTO

Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de LAPENNA. Ĉu vi kapablas retrovi ilin? En ĉi tiu sama n-ro de LG vi trovos la esperebl e senerarigitan tekston, kiun ni prenis el la libro "LA INTERNACIA LINGVO, FAKTOJ PRI ESPERANTO" de Ivo Lapenna.

*La lingvo estas socia fenomeno kaj ne iu "natura" aŭ "biologia" aperaĵo. Tiu signifas, ke ĝi povis ekesti, ke ĝi evoluis kaj evoluas exkluzive en la kadro de la homa socio. La lingvo, do, estas regita de sociologiaj kaj ne de biologiaj legoj. Tio ankaŭ signifas, ke la portonto de la lingvo ĉiam estis kaj estas iu homgrupo. Sed tiu tute ne signifas, ke tio portanto estas aŭ devas esti nur la nacio. Ekzistas eĉ hodiaŭ personoj, kiuj emfazas pri la "nacia animo" aŭ pri la "nacia spirito" kiel pri la solaj kreofortoj de la lingvo. Tia erara aserto devas nepre konduti al eraraj konkludoj. Tiel fakte ankaŭ okazas. Malgraŭ la evidentaj faktoj oni ne malofte asertas, ke la Internacia Lingvo estas neebla, ĉar, ja ne ekzistas la "internacia nacio" kun "internacia animo"!*

Evidentas, ke Lorjak mem ŝatas eltrovi novajn rimedojn por esprimi kutimajn aferojn. Eĉ la priskriboj de l' naturo, de homoj, de fizikaĵoj maltedas. Kaj tiu priskribarto, laŭ mia takso, malofte kapteblas ĉe niaj aŭtoroj.
Enestas multe da dialogoj, kiuj ne troe simplas, nek troe malsimplas, nek konfuzas, nek malnaturas, sed...interesas. Jen, edukaj gvidlinioj, Lorjak, por tiuj el ni, kiuj strebas ĉiutagigi konversacion Esperantan.
Temas pri emerito, kies sinokupo pri ĥor-kaj engipsigita gambo, ŝian enlitigon en la liton de la kokritino fare de la kompatema filino nesuspektema, tute neatenditan (kaj ne forgesindan) nokton pasigitan en metroa necesejo ne malfermebla de la edzino kaj filozofiema staciestro, kaj jen, sufiĉe da spicaj ingrediencoj por plulegigi vin. (Kaj la priskribo sur paĝoj 215-216aj pri freŝe-koncipito absolute delicas.)
Kaj la fino! Ĝi efikas eksplode, devigante leganton rekirli la tutan akiritan impresaron



*Giorgio Silfer kaj Lorjak, kiu prezentas sian romanon, Mariagnes, dum Forumo de L.F. en Poitiers (F) (2MAJ87)*

kantado enmiksas lin en amaferon kun simile emerita antaŭa filmstelulino. Interesiĝas al la sekvaj interrilatoj inter li kaj ŝi, lia edzino kaj filino, la ĥoranoj, kaj misteraj ludemuloj, kiuj enmetas strangajn anoncetojn en la lokan ĵurnalon.
Aldonu karambolon motociklan fare de la petolema aktorino, sekvajn kazojn de amnezio por ellabori tutnovan. Plian informon tiukampan mi ne rivelos!
Eltrovu kaj ĝuu MARIAGNES-on (firme decidu preterstumbli la erarojn!) aparte se vi bezonas dumvojaĝan distraĵon. Eĉ se vi multfoje flankenmetas ĝin (ŝin??), la etoso kaj kuriozeco gluigos ĝin (ŝin??) al vi.

**K. JAKOBO**

# ĜIS RE'IVO



Bernard Aunis

Feliĉe Ivo Lapenna ne povos legi la amason da mielaj artikoloj dediĉotaj al lia memoro fare de liaj plej akraj malamikoj; kaj, ho ve! oni ne nur laŭdos lin kun larmoj krokodilaj, sed ankaŭ en fuŝa lingvo; tial mi konsilas al la singardemaj Esperantistoj, ke ili precizigu sur sia testamento : "Nek krokodiloj, nek krokodilantoj". Pli ĝene estas tio, ke nia granda amiko aniĝis nun al tiuj homoj, kiuj estas des pli citataj, ke ili ne plu povas respondi. Vi ĉiuj jam aŭdis en Esperantaj diskutoj : "Min aprobus Zamenhof, aŭ Grabowski, aŭ Kalocsay..."

Preterdire oni ne ĉiam atendas la definitivan forpason por paroligi tiel aliulojn : LA GAZETO, ekzemple, sciigis min, ke mi subskribis la Iltisan Manifeston, kvankam mi efektive ne trovis en ĝi unu linion konsenteblan; sed antaŭ kelke da semajnoj mi ja malsanis, tiel ke oni povis kun iom da verŝajno konjekti, ke mi baldaŭ trovos min inter la devigaj aprobantoj. Tamen mi volus ĉagreni neniun en tiu Iltisa Skolo, kies utilecon mi senhezite agnoskas. Se ni deziras, ke ankaŭ ni obtenu iam Nobelpremion pri beletro, estas necese, ke ankaŭ ni havu nelegeblajn verkistojn. Antaŭ du jaroj estis kronita franca aŭtoro, Claude Simon, pri kiu neniu Franco kapablus citi eĉ unu el liaj libroj; kaj mi memoras, ke tiuokaze estis afiŝita en ĉiuj lernejoj de Francujo unu paĝo lia, elektita inter la plej absurdaj; ditiramba enkonduko de la tiama ministro Chevènement(1) preskaŭ egalis ĝin pri la ridindeco.

Mi konfesas, ke, malbone informita, mi unue opiniis tiun elekton nura eraro nerefarota; tial mi ege dankas al Kris Long, kiu ebligis al mi legi freŝbakitan Nobelpremiulon kaj konstati, ke malbona stilo estas nepre necesa kondiĉo por tia honoriĝo : legante la "poemon" de Brodski, mi havis la impreson trovi min antaŭ ia (pli bone presita) KANCERKLINIKO(2); t.e. ke pluraj tasoj da kafo estis necesaj, por ke mi ne dormiĝu antaŭ la fino. Ruslingva korespondanto certigis min, cetere, ke la traduko de Kris Long estas ege fidela : ĝi tiom tedis lin kiel la originalo.

Tiu orienteŭropa amiko aldonis korekton al la artikolo de Enko pri **La kaŝita vivo de Zamenhof** : tiu libro, kiu detale parolas pri la judeco de nia Majstro, estas ja havebla en ĉiuj sovetiaj librejoj, kun tiu rezervo ke ĝia legado estas permesita nur al la membroj de la Partio, kaj ke oni ŝanĝetis la titolon al **La kaŝenda vivo de Zamenhof.** Verdire, mi ne povas havi certecon pri tiu lasta informo, ĉar

alia rusa korespondanto, se kredi lin, trovis specialan eldonon reviziitan **far** diverslingvaj neologismemuloj : tiel, Anglo titoligis ĝin **La hajdita lajfo de Zamenhof**, dum Germano sciigas nin, ke la Majstro "geboris" en 1859 kaj "verdenis aŭgenarco". La tuto estas tiel legebla kiel la KANCERKLINIKO(3).

Tuj post la skribo de tiu frazo alvenis letero de tria rusa amiko, kiu havigis al si alian korektitan eldonaĵon, kie oni asertas Zamenhof purrasa Ruso, kiu dum kelke da tempo estis tentata de la judismo : la titolo estas **La kaŝerą vivo de Zamenov.** Kiu pravas? kiu mensogas? pri ĉio tio ni diskutos en Metz dum la kunsido de la Esperantista Asocio pri Historio.

***Bernard AŬNIS***

*(1) Franca eks-ministro, kiu atakis Esperanton por kontentigi la stultulojn. Li gajnis ne eĉ unu voĉon plian, ĉar la stultuloj jam voĉdonis por li.*

*(2) Revuo, kies moto ŝajnas esti : "Obsedo ĉe la skribantoj, oscedo ĉe la legantoj".*

*(3) Franclingva revuo, tre amiko de nia movado, ĉar ĝi kelkfoje aperigas artikolojn en Esperanto.*

---

# MAZDAĴETOJ

*S P E C I F A J  E C O J*

*Angla flegmo,*
*ĉina kuirarto,*
*argentina tango,*
*franca eleganteco,*
*germana disciplino,*
*hungara ĉardaŝo,*
*hispana temperamento,*
*japana laboremo,*
*kuba rumbo,*
*meksikana sombrero,*
*pola gastameco,*
*skota viskio,*
*usona demokratio*
*k a j*
*ESPERANTA SIMPLECO.*

*NIA NAJBARINO*

*"Vi malĉastulino olda!"*
*al ŝi kriis najbar' kuna.*
*Ofendiĝis ŝi treege :*
*"Nekredeble? Mi? Maljuna?"*

*MIAJ DOLĈAJ PEKOJ*

*La plej granda surprizo :*
*mi... en paradizo.*

*N I A  D E V I Z O*

*Krei harmonian homaron...*
*Mi scipovas - en buduaro*

*EN IU LANDO*

*"Mia propra opinio?"*
*"Mi iru demandi*
*pri tio*
*al mia partio!"*

*IO DEVAS DOLORI*

*Se postkvardekjarulo*
*vekiĝas sen doloro,*
*signifas — bedaŭrinde —*
*ke nepras jam pastoro.*

*ESTAS EBLA*

*La plej danĝeraj komunistoj*
*— evidente —*
*ekzistas okcidente.*

*NE NUR BELECO*

*Ja nenio*
*al ŝi mankas...*
*...krom racio...*
*kaj mi dankas!*

*MI, VICULO*

*Kiel eblas vivi*
*sen vicoj por viando?*
*Mi jam ne imagas!*
*...Viculo el Pollando...*

***Marian ZDANKOWSKI***

# INTERVJUO KUN KRIS LONG

**Walter Zelazny** : Ĉu mi povas elmeti unue la kutimajn demandojn rilate al via aĝo, naskiĝloko, edukado, profesio ktp.

**Kris Long** : Ĉu tio estas interesa? Tio estas en „Esperanta Antologio".
**WZ** : En la „Esperanta Antologio" vi aperas kiel moderna poeto, almenaŭ tiel pli malpli oni mencias pri vi, oni algluas al vi etikedon, ke vi estas nekomprenebla!
**KL** : Nekomprenata! Jes, mi konsentas. Oni opinias min nekomprenebla, absolute nekomprenebla, ktp.
**WZ** : Kiel vi akceptas tion?
**KL** : Mi ne plu verkas poemojn, krom unu libro, kiun mi verkis lastatempe, ĝi nomiĝas „Rekvieto", ĝi estas omaĝo al la viktimoj de 1937. Eble ĝi aperos ĉi-jare, sed mi timas, ke ne. Sekvontjare mi supozas, temos do pri la jubileo, kvindekjara. Tiu libro ĉerpas forte de aliaj, kiujn mi kvazaŭ protokolis, ne verkis mem, kaj ĝi estas verŝajne mia lasta poemaro.
**WZ** : Tio estas poemaro pri eventoj de la 1937. Sed kiuj eventoj?
**KL** : Temas i.a. pri la amasa arestado de la esperantistoj.
**WZ** : Vi celas Hispanion, Germanion, Sovetion aŭ...?
**KL** : Sovetion!
**WZ** : Do vi opinias, ke tiu poemo, kiun vi verkis, estas omaĝo al certaj esperantistoj, kiuj kreis certan Esperanto-fenomenon ne konatan. Nun ili estas forgesitaj ĉu pro politikaj aŭ ideologiaj kialoj, mortitaj aŭ mortigitaj ie en Gulagoj. Kaj vi revenas al ĉi tiuj eventoj, pro la protesto, ke io tia estis kaj estas kondamnita je la forgeso kaj silento.
**KL** : Pri la sperto de la esperantistoj mem, verŝajne restis spuro nenia, do mi ĉerpis el la spertoj de neesperantistoj, poloj, hungaroj, ukrainoj kaj mi pensas, ke mi rekonstruas pli larĝe tiun tutan fenomenon.

**WZ** : Vi multe da laboro dediĉis por la traduk-arto. Ŝajnis, ke vi tradukas, ĉar ankoraŭ tiu aŭ alia poeto ankoraŭ ne aperis en Esperanto. Ĉu hodiaŭ plu vi volas plenumi tiun „t r u o n" de netradukitaj ankoraŭ poetoj, ĉu jam vi estas pli selektema?
**KL** : Vi pravas, iam tiel estis. Mi ekkonsciis pri tio antaŭ kvin jaroj, kaj mi komencis verki tute alie. Post la 13a de decembro 1981 mi komencis traduki multajn poemojn de Jòzef Czechowicz, du, tri monatoj mi tradukis nur Czechowicz, la polan poeton, kaj post tiam mi rezignis tian tradukadon. Por tiuj poemoj tute ne ekzistas legantaro en Esperanto, ili estas jam malfacilaj en la pola, miaj tradukoj ne sufiĉe sukcesis por esti legindaj en Esperanto, tio estis laboro sen valoro, eble gravas por mi, sed por neniu alia homo. Post tiam, dum iom da tempo mi ne povis verki. Sed tamen mi revenis al la tradukado, sinsekvo de anekdotoj. Mi fontis el anekdotoj verkitaj de la irlanda verkisto Flann O'Brian, pri vortludoj, tia anekdoto kaj maniero anekdoti, ke fine de la anekdoto oni citas konatan frazon, sed en iu amuze ŝanĝita formo. Mi komencis verki anekdotojn pri Fez kaj Kabe, pri du elmigrintoj el Dublino, kiuj parolas Esperanton, poste la anekdotoj evoluis kaj montriĝis, ke ilin surpaperigas junaj studentinoj en Belfasto, longan tempon poste. Unu el studentinoj lernis Esperanton de Fez, kiu loĝis en la domo, kie ŝi estis knabino. Ofte temas pri notoj skribitaj sur la marĝenoj de libroj. Tiu elmigrinto estis ne precize verkisto, li ne lasis verkaron. Unu el la studentinoj havas disertacian taskon, prezenti tion kiel la verkaron. Estas cititaj notoj, pensoj, tutaj poemoj de verkistoj de diversaj kulturoj, ĉiuj tre zorge verkitaj, kaj la formo estas ŝanĝita, do tute malsama tradukmetodo, ol tiu en kiu mi tradukis multegon antaŭe, sufiĉe senzorge, nuntempe la versoj estas tre poluritaj.
**WZ** : Fez kaj Kabe? Ĉu Kabe koncernas faman Kabe, kiu kabeiĝis?
**KL** : Jes, kaj ne. La nomo estas la sama, sed kompreneble ne temas pri la sama homo, li neniam loĝis en Dublino. Same kiel Keats kaj Chapman, kiuj estas historiaj, ĉe Flann

O'Brian ne estas la historiaj. Keats kaj Chapman ja vivis en malsamaj jarcentoj.
Unu el la celoj de tiuj anekdotoj estis iel transloki la centron de la moderna literaturo el angle aŭ france parolantaj landoj pli orienten. Angle parolantaj aŭtoroj estas menciitaj, sed tre ofte kaŝe, senzorge. Pli seriozaj estas artistoj polaj, hungaraj, transilvaniaj ktp.
**WZ** : Kial Fez malalte anticipe taksas anglajn aŭtorojn kaj alte transilvaniajn. Kial li ne "mezuras" juste?
**KL** : Verŝajne, ĉar el Esperanto-vidpunkto mi trovis tiujn aŭtorojn pli proksimajn al E-o. Mi trovis iun parencecon.

**WZ** : Iam ie K. Long esprimiĝis, ke la Esperanto-literaturo estas proksima al la blankrusa. Kaj nun ni eksciis pri viaj novaj aventuroj literaturaj, nome la ukrainaj, kiuj havas ligon "literaturan" kun Esperanto? Ĉu vi povus prilumi tiujn instigajn cerbumojn?
**KL** : Jes, ĉar tio daŭrigas aventurojn komencitajn per la Fez-anekdotaro. La Fez-anekdotoj komenciĝis je la nivelo de la lingvoj, kiuj estas ŝtataj lingvoj, dum la ukraina ne estas ŝtata lingvo.

**WZ** : Mi jam aŭdas protestojn!
**KL** : Mi hontis pri tiu aludo al la blankrusa literaturo, ĉar tio estis iel ofenda komparo, kaj fakte tiam mi malmulton sciis pri tiu literaturo. Mi konis nur unu verkiston, kiun mi provis traduki, do Bogdanoviĉ, kiun laŭ mi, mi ne rajtis traduki. Mi renkontiĝis kun tiu poeto, kiun nur la blankruso rajtas traduki. Eble mi


*Kris Long*

malpravas pri tio. Li ŝajnis tro nacia verkisto por mi. Do tiam mi sciis, ke la komparo kun la blankrusa literaturo estis iom malica, ĉar ŝajnigis ekzemple, ke ĝi estas malpli valora ol la rusa literaturo. Mi tre bedaŭris pri tiu ne intenca ofendo. Kaj eble tio estis unu el la kialoj pri mia stranga konsciiĝo pri la ukraina literaturo. Simileco de ĝi kaj de E-o? La tuta afero estis tre stranga. Mi dum longa tempo sciis, ke ekzistas ukraina literaturo. Mi havis kolegon, kiu instigis min esplori tiun temon, sed li neniam sukcesis konvinki min, ke ekzistas en ĝi io vere leginda. Mi legis Lesja Ukrainka en Esperanto, mi sciis, ke ekzistas poetoj kiel Taras Ŝevĉenko, sed mi ne taksis ilin alte. Mi sciis ankaŭ nomon de poeto, pri kiu mi nenion profunde povis ekscii, mia kolego ne konis lin. Iun tagon tiu kolego, ukraino, mia najbaro renkontis min, apud la sidejo de la Esperanto-Asocio en Londono, kaj ni promenis kune al la ukraina librejo. Mi trovis tie nenion interesan, sed mi eksciis la lokon. Poste montriĝis, ke tiu tago estis la tago de Ĉornobil. Kaj tiu stranga koincido restis en la memoro. Do kiam malnova pola korespondantino sendis al mi poemaron, en kiu estis tradukoj de tiu poeto, kies nomon mi memoris, Mikola Zerov, mi esploris en tiu ukraina librejo. Kaj evidentiĝis, ke tiu poeto estas tre proksima al la Budapeŝta Skolo. Li verkis sonetojn, li tradukis sonetojn de Hérédia, same kiel nia Parnasa Skolo, do dum la sama periodo de la dudekaj jaroj kaj ankaŭ tiu koincido interesis min. Ĉar iel mi serĉis nacilingan literaturon, kompareblan al E-o kaj eble kiel eksmatematikisto, mi supozis, ke literaturo havas tian strukturon, se simileco en unu regiono, jen ekzistas en la alia, do mi provis esplori ukrainan literaturon. Montriĝis, ke nun tiu najbaro, kiu antaŭe tute ne sukcesis min konvinki, ke ekzistas la ukraina literaturo, havas trafan respondon al tiuj demandoj kaj povas montri al mi la ĝustajn librojn, ekz. „Mortpafita Renesanco" de Lavrinenko, kie temas pri ukraina literaturo de 1918-33, ĝis la grandega malsato, post kiam oni arestis la plej multon de la verkistoj. Montriĝis ankaŭ, ke tiu najbaro kaŝas trezoron, libron, kiun li hontis, ĉar ĝi estis por li la nekomprenebla poemaro, sed iu donis ĝin al li kun la dediĉo, do li ne forĵetis. Tiu poemaro estas „Mielmontaro" de Volodimir Svidzinski, poeto, kiu sukcesis eviti areston en 1934 kaj vivis ĝis la dua mondmilito. La manuskripto saviĝis kaj aperis fine antaŭ dek jaroj.

**WZ** : Kaj vi malkovris tiun poeton?

**KL** : Iusence jes, verŝajne mi estas la sola neukraino, kiu scias, ke tiu poeto ekzistas, mi havas tiun senton. Pli, ke mi trovis kaj esploris kampon tute ne esploritan de alilingvanoj.

**WZ** : Kion specialan vi trovis ĉe Volodimir Svidzinski, ja tuta Ukrainio, se oni ne mortadis pro malsato kaj gulagoj, poeziis? Laŭ kiuj kriterioj vi "mezuras" Svidzinski?

**KL** : Mi estas poeto, ne kritikisto. Mi ne parolus pri kriterioj, mi parolus pri mia konscio, kiel leganto de poezio en diversaj

lingvoj. Al tiu konscio Svidzinski estas iu nova. Tio ne diras k i a li estis. Por tio ekzistas tradukoj. Por tio ni faras tradukojn. Nu, mi scias, ke en poemaro, kiu eble iam aperos – ne de mi, sed de Meva Maron „Viburno" – estos poemoj, kiuj ne estas precize tradukoj el Svidzinski, sed ĉerpitaj iel el liaj poemoj.
Do mi preferas lasi aferon tian, la estonteco montros kia poeto estas Svidzinski.

**WZ :** Ni kuraĝis al io, kion oni nur escepte faras. Ni komparis du literaturojn. Tio estas granda risko kaj respondeco morala kun konsekvencoj. Vi mem tion scias, kiam vi sen-intence enplektiĝis al la rusa, blankrusa kaj Esperanto. Mi do demandas sur kia bazo vi komparas la ukrainan kaj la Esperantan literaturojn?
**KL :** Mi jam respondis tiun demandon!
**WZ :** Eble vi pensas, ke vi respondis. Mi pensas, ke mi ne aŭdis. Alivorte do: La Parnasa Skolo kaj fenomeno de Kalocsay, kiel tion diras K. Long, estas perfekta deknaŭjarcenta poezio en la dudeka jarcento. Ĉu tiel oni povas konkludi pri la ukraina literaturo? Ĉu oni do povas diri al esperantistoj soifaj je scio pri ni mem: komencu de la ukraina, tie vi trovos respondon je Esperanto-fenomeno!
**KL :** Mi jam diris pri la libro de Svidzinski, kiu aperis 35 jaroj post la morto de la aŭtoro, do la libro, kiu povis malaperi senspure. Kaj kiu poste kuŝis dek jarojn ĉe mia najbaro. Nu, plaĉus al mi kiel al verkisto (ne kiel al historiisto aŭ kritikisto) imagi, ke en E-o ekzistas tiaj kaŝitaj verkoj. Sed mi diris pri certa skolo ukraina komparebla al E-o, ne pri la tuta ukraina literaturo, en kiuj aperis kaj aperas diversaj kaj multaj tendencoj. Ĉar se Zerov respondas al poeto kiel Kalocsay, mi povus imagi, ke al Pavlo Tiĉina respondas iu kaŝita poeto en E-o, eble Miĥalski estas tiu poeto, sed eble ekzistas tiaj aliaj...
**WZ :** Ni mem ja kreas problemojn. Ni kreas kruelan silogismon.
**KL :** Ĉu tio tiel gravas? Estas interesa tasko rekonstrui tion. Ĝuste tiun taskon akceptis Kalocsay, krei en Esperanto la poezion, kiu ĝis tiama epoko mankis, por ke aliaj plu konstruu.

**WZ :** Kion konstruas en Esperanto Kris Long kaj kiel li mem ŝanĝiĝas?
**KL :** La mondon oni ŝanĝas ne tiel per la presitaj libroj, sed per tio, kion ni havas kiel personecoj kaj kio povas resti kaŝita dum longa tempo. Do, mi ne tre zorgas nun pri vasta eldonprogramo. Mi havas kelkajn korespondantojn al kiuj mi sendas miajn verkojn, sed tio tute ne signifas, ke mi malpli nun okupiĝas pri Esperanto. Malpli verkas, eble jes. Mi ne plu hazarde tradukas. Mi pli serĉas, poluras, anstataŭ produkti amason. Unu el la miniaturoj estas la sinsekvo de Fez-anekdotoj, alia, kiu verŝajne ne sukcesis, estas miniaturo de „Doktoro Ĵivago", tria, kiu esperenble baldaŭ aperos en „La Kancerkliniko" estas versa traduko de la „Majstro kaj Margareto" de Bulgakov. Malpli longa ol la libro, ĉar mi ne havis tempon por traduki tutan romanon, sed tian versan tradukon mi povis fari. Kaj ĝi espereble resumos la esencon de la verko.
**WZ :** Io nova! Laŭ mia scio, en la monda literaturo, ĝis nun neniu kuraĝis al simila traduko. Do ĉarmecon de la libro oni devos retrovi en poeziaj versoj, la enhavon en la „simpligo" de la eventoj de la verko.
**KL :** Ĝis nun okazis inverse. Oni plivaste pritraktis temojn, el fabeloj fariĝis dramoj ktp. Sed tute klare, en tiu direkto Esperanto ne povas evolui. Nu, ĉar eble mankas legantoj ni bezonas konversacion kun la verkinto, kunlaboranto, se mankas legantoj. Se temas pri la „Majstro kaj Margareta" la versa formo aspektos tute taŭga. Bulgakov mem multfoje reverkis la romanon. Li sugestas, ke partoj estas bazitaj sur poemo, do mi kvazaŭ rekreas, rekonstruas la fonton de la romano.

*( daŭrigota )*



# ĈU TRIUMFONTA ILTISE?

(Rilato : LA GAZETO N-ro 12, p. 22)

Laŭ Karolo Piĉo "proponiĝas" – estas do ne li, kiu proponas – la neologismo "ipse" apud la samsignifa (samsenca, sinonima) "mem". La esprimo "solipsismo" estas filozofia fakvorto, kiun la majorio (plimulto) de la Esperantistoj nek konas, nek bezonas, nek uzas. Oni lasu ĝin al la filozofoj. Esperantisto, interesiĝinta pri filozofio, supozeble jam de longe scias, aŭ baldaŭ lernos kaj komprenos, ke ĝi estas la "doktrino, laŭ kiu la sole ekzistanta realo estas konscio de la ekkonanta homo". Sed neniu Esperantisto, kiu ne estas lerninta la Latinan lingvon, povas ekkoni, ke en la vorto "solipsismo" kelkaj intersekvaj literoj signifas "mem". Por kio estas utila sinonima esprimo de "mem"? Ĝi nur malfaciligas, ne riĉigas la lingvon. Zamenhofo decide estas malaprobinta la tendencon kompliki nian lingvon. Por li pli bona esprimo ol "suicido" supozeble ne estus "ipscido", ankaŭ ne "ipsmortigo", sed "memmortigo". La kvar esprimoj tamen estas egale trafaj por karakterizi la Iltisan tendencon de Esperantismo.

Forlasante en "agrokulturo", "hortokulturo" kaj "silvokulturo", kiujn la Plena Ilustrita Vortaro registras kiel "agrikulturo", "hortikulturo" kaj "silvikulturo", la tutan "kulturon", oni ricevas kiel restantajn vortojn "agro", "horto" kaj "silvo", kiuj bone taŭgas kiel sinonimoj por "kampo", "ĝardeno" kaj "arbaro". Kiom riĉa rikolto! Kiom pompa kulturo! La Iltisa avo do laboras sur la agro kaj en la horto, kiuj situas antaŭ la silvo. Nur la bedaŭrinda avo Esperantisto laboras sur la kampo kaj en la ĝardeno, kiuj situas antaŭ la arbaro. Li eble eĉ preferus paroli pri "kampkulturo", "ĝardenkulturo" kaj "arbarkulturo" aŭ "forstokulturo" aŭ "forstoflegado". Ni nur plej rapide duobligu, triobligu la Esperantan vortaron! Tiam fine ni Esperantistoj povus montri al la miregante gapanta sciencularo kaj aparte al la lingvikistoj nian rapidege (hastege) kreskantan vortotrezoron. Instigu nin la Angla lingvo! Ĝi havas kvarcent- ĝis kvincent mil leksemojn (vortojn). Ni ne hezitu krei la Anglesperanton! Petro Stojano, kiun Karolo Piĉo citas kiel gravan atestanton, estas dirinta ankaŭ, ke por lingvo memstara, riĉa el sia propra trezoro, meritas esti adoptata de sperta lingvikisto nur la sistemo, kiu permesas esprimi multajn vortideojn per malmultaj radikoj.



*Rikardo Ŝulco*

Kial ni bezonas la vorton "imperoro"? Kiel Esperantisto el ne-Hindeŭropa lingvo povas scii, ke en ĝi "-oro" **ne** estas la tute normala radiko "or'", kiu signifas pezan valoran metalon? Kial ni krome bezonas la vorton "imperadoro", en kiu "-ad" ne estas la sufiĉe

konata homonima sufikso? Ho ve! ni jam havas la "imperatoron" kaj povas formi la "imperianton", la "imperiiston" kaj eĉ la "imperiestron" kun sia "imperialismo" aŭ "imperiismo" kaj siaj "imperialistoj" aŭ "imperiistoj". Ĉu Esperanto ne jam estas sufiĉe malfacila, ol ke ni ankoraŭ pli kompliku ĝin per orumitaj imperoroj?

"Despekti" estas fuŝe formita vorto. Prefikso "de-" ne ekzistas en Esperanto, kaj la prepozicio "de" estas jam sufiĉe ŝarĝata, ol ke oni povas uzi ĝin ankoraŭ por indiki malojn. Ĝustaj estas "respekti" kaj "malrespekti", "estimi" kaj "malestimi", kaj oni "rigardas de supre", proprasence kaj figurasence, kaj oni "rerigardas" eventuale ankaŭ "retrorigardas".

Ĉiu lingvokonscia Esperantisto devus heziti kaj ne proponi la vorton "dificila", ĝuste ĉar ja ekzistas la samaradika "facila" el kiu oni laŭ la dua parto de la 15a regulo povas formi la derivaĵojn "facile, facileco, faciligi, faciliĝi" kaj iliajn per "mal-" formitajn kontraŭojn. Estas absolute malhaveblaj "dificile, dificileco, dificiligi, dificiliĝi" kaj ... "dificila".

Al kiu "harmonio" kaj "malharmonio" ne sufiĉas, uzu "akordeco" kaj "malakordeco", uzu "konsonanco" kaj "disonanco" aŭ "dissonado". Sed se ĉiuj tiuj esprimoj ne ŝajnas oportunaj al li, li je la Dia nomo diru "disharmonio". Proponi li ja povas. Poste li vidu, ĉu la Esperantistaro ĝin adoptas.

La emo al neologismoj estas la malplej strangula flanko de la Iltisanoj. En letero de amiko mi hodiaŭ estas leginta jenan trafan kaj koncizan, sed certe ne elĉerpintan sumon pri la Iltisa skolo : "Laŭ mia opinio ne temas unuavice pri neologismoj, t.e. novaj vortoj por novaj nocioj, kies neceso daŭre rezultas el la precipe teknika kaj scienca evoluo. Temas pri anstataŭigo de ekzemple klaraj adjektivoj formitaj per prefiksoj, precipe de la 'mal'-vortoj, kies absoluta forigo estas nepardonebla atako al la tuta Zamenhofa koncepto. Temas pri sintezaj verboformoj kiel 'devintus' jam malaprobitaj de Zamenhofo, kaj pri pluraj aliaj pli aŭ malpli gravaj pekoj kontraŭ la spirito de tutamonde uzota simpla kaj tamen esprimoriĉa lingvo, ne por teoriemaj erudiciuloj, sed por la normale instruita homo de nia erao."

La Litomiŝlaj "ab, ak, sufikso -atr', aŭtem, ĉiĉ, dos, enim, sufikso -ent', erst, ĝili, ĝus, sufikso -isim', ili, ma, mej, men, nam, nok, prefikso ob-, olim, prefikso om-, prefikso par-, ples, ste, ŝili, tras, tum, tunk, sufikso -ud'", ĉu Latindevenaj aŭ ne, laŭ mia scio, **ne** apartenas al la "tiel nomataj vortoj 'fremdaj'", pri kiuj parolas la regulo 15 de la Fundamenta gramatiko. Ili do ne povas esti uzataj en Esperanto. Tio estas kategoria! Kiu malatentas tion, ĉesas esti Esperantisto.

*Rikardo ŜULCO*

# SENTOJ KAJ FUNDAMENTO

**Edmond Privat**

Komparu momente Esperanton kaj vian nacian lingvon. Ambaŭ posedas logikan skeleton aŭ gramatikan fundamenton. Sur tiu baza klavaro viaj sentoj ludas kvazaŭ fortepianon. Per pli-malpli fortaj tuŝoj aŭ tuŝetoj, iomaj devojiĝoj el pura logiko, trograndigoj aŭ koloriĝoj, viaj impresoj aŭ emocioj komunikiĝas al viaj aŭdantoj samtempe kun la faktoj priparolataj. Ĝuste tio faras vivantan lingvon. Sen tio vi havus nur signalkodon aŭ algebran sistemon, sed ne homan lingvon.

Sed observu tuj la diferencon. La fundamento de via nacia lingvo estas malsimpla, malregula, ofte eĉ nelogika. La klavaro, sur kiu vi devas ludi kun fantazio de la sentoj, estas ja fiksa kiel en Esperanto, sed difektita kaj senorda



*Edmond Privat*

kun multegaj signoj por montri simplajn ideojn, kiel **is** aŭ **os**, kaj nur unu signo por montri grave mal-samajn ideojn, kiel **ke**, **kiujn**, **ol**, kaj tiel plu.

Sur tiu necerta bazo viaj sentoj ludas, kaj iliaj tuŝoj, devojigoj, trograndigoj kaj tiel plu aldonas novan elementon de malordo al jam ekzistanta malordo. La rezultato estas efektive ĥaoso, almenaŭ en la okuloj de la fremdulo, kiu ne povis pasigi tutan sian junaĝon, kiel vi mem, por funde koni la fundamentan klavaron.

En Esperanto estas malsame, ĉar la fundamento estas klara, simpla kaj orda. Vi ne nur sufiĉe facile ekkonas kaj mastras la bazan klavaron de la fortepiano, sed vi ĉiam nete rekonas ĝin en ludado kun ĝiaj fiksaj unuformaj signoj: **o**, **a**, **e**, **as**, **is**, **os**, **kio**, **tio**, **kiam**, **tiam**, kaj tiel plu.

Viaj sentoj ludas, tuŝas, saltas, trograndigas, kolorigas, devojigas, sed la klavaro ĉiam restas klara kaj orda, brilante sur la movantaj ondoj. Fakte la forteco mem de viaj parolaj fantaziaĵoj devenas ĝuste de tio, ke oni povas ĉiam konstati vian salton el la logiko kaj kvazaŭ mezuri sente la distancon inter viaj flankensaltoj kaj la rekta linio.

En lingvo, kie jam la fundamenta linio terure zigzagas, imagu la cerbumadon por retroviĝi!

Estas granda eraro imagi, ke la riĉeco de naciaj lingvoj konsistas el la malsimpleco aŭ senordeco de ilia gramatika fundamento. Tute ne. Ĝi konsistas el la abundeco de sinonimoj kaj ĝeneraligitaj bildoj, kio estas tute alia afero.

Renverse, estas simila iluzio kredi, ke nepre la riĉigo de Esperanto je sinonimoj kaj bildoj igos ĝian Fundamenton baldaŭ tiom malsimpla kaj senorda kiel tiu de nacia lingvo. Kial? Neniu fakto pravigas tian suprajan konkludon. Ĉu ega ŝanĝis la fundamentan rolon de eg? Tamen granda ricevis utilan sinonimon...

Kio devigas al plia lernado, tio estas la eksteraj pruntoj de novaj radikoj aŭ la internaj kristaligitaj bildoj. En Fundamento restas senŝanĝe sam', ide', an', kaj o, sed vi devas klarigi nun al la lernanto la specialan kaj sentoplenan sencon de samideano. Tio neniel estas rompo de la Fundamento, ĝi estas nur la vivo, la karno sur ostoj kaj la florado de bela korpo sur ĉiam solida skeleto.

Kion oni povas konkludi el tiu aro de faktoj

observitaj? Ke Esperanto vivas, kiel ĉiuj lingvoj uzataj parole, sed ke ĝi konservas sian fiksan Fundamenton, kiel ĉiuj lingvoj skribitaj kaj presataj. Ĝian vivon kaj ĝian evoluon regas la samaj leĝoj kiel ĉe ceteraj lingvoj. Ni tamen notu unu gravan diferencon, tio estas la fakto, ke Esperanto tre malofte ludas rolon de ĉiutaga aŭ gepatra lingvo. Por la plimulto de l' anoj, ĝi restas helpa lingvo, uzata en esceptaj okazoj. Tio malrapidigas ĉiujn movojn en la lingvo, inkluzive la efikojn de la leĝo pri eluzo de esprimoj.

Ke Esperanto vivas, kiel ĉiuj lingvoj uzataj parole, sed ke ĝi konservas sian fiksan Fundamenton, kiel ĉiuj lingvoj skribitaj kaj presataj. Ĝian vivon kaj ĝian evoluon regas la samaj leĝoj kiel ĉe ceteraj lingvoj. Ni tamen notu unu gravan diferencon, tio estas la fakto, ke Esperanto tre malofte ludas rolon de ĉiutaga aŭ gepatra lingvo. Por la plimulto de l' anoj, ĝi restas helpa lingvo, uzata en esceptaj okazoj. Tio malrapidigas ĉiujn movojn en la lingvo, inkluzive la efikojn de la leĝo pri eluzo de esprimoj.

– Sed oni tamen ne povas kompari la uzon de Esperanto kun la uzo de fremdaj naciaj lingvoj. Tiu ĉi lasta estas tute ne natura kaj tute ne libera. La fremduloj sin esprimas ĝenerale kun ĝeno kaj embaraso, timante fari erarojn kaj iĝi ridindaj.Ni lasu flanke la esceptajn okazojn, kiam fremda lingvo fariĝas la ĉiutaga lingvo de enmigrinto.

– En Esperanto kontraŭe la homoj parolas multe pli libere kaj sentime. Ne havante antaŭ si nacianojn por kontroli kaj moki, ĉiuj sentas sin egalaj kaj pli senĝenaj. Tial ili riskas esprimi sentojn kvazaŭ en gepatra lingvo kaj lasi la langon flui pli senkontrole, se ili kutimiĝis iom al uzo de la lingvo.

– Ili sentas sin mastroj de la ilo kaj ne la ilon mastro de ili. Pro tio Esperanto estas vivanta lingvo, dum la uzo de fremdaj lingvoj estas multe pli malproksima de la vivo kaj plej ofte peza, malnatura, lernolibra kaj tute ne spontana.

– Fine la uzo de la diversnaciaj parolantoj faras Esperanton, dume la uzo de la fremduloj ne faras nacian lingvon, sed nur difektas ĝin, kio estas ja fundamenta diferenco. Dum la homoj ĝenerale sentas sin nur gastoj aŭ sklavoj ĉe fremda lernita lingvo, ili sentas sin mastroj de la domo ĉe Esperanto. Tio estas situacio multe pli proksima je ilia rilato al propra nacilingvo...

– Necesas tamen ankoraŭ klarigi la vorton mastroj. Ankaŭ en gepatra nacilingvo la homoj ne estas mastroj de la Fundamento. Ili ne sentas kaj ne havas liberecon ŝanĝi la hereditan bazon, la skeleton de la lingvo. Ili eĉ ne pensus je sistema ŝanĝo de la verbaj finaĵoj aŭ de la parola signo por multnombro. Kiuj ŝanĝoj okazis tra jarcentoj, tiuj efektiviĝis en epokoj sen presado, sen unuigo centra, sen lernejoj kaj tiel plu. Nuntempe la lingvoj estas multe pli fiksaj kaj unuecaj.

– En iuj esceptaj kazoj vi povas observi iompostioman forlason de malregulaj maloftaj formoj, sukceson de popolaj eraroj, kaŭzitaj de la natura emo por analogio. Sed neniu sentas sin libera kontraŭ la fundamento mem. Tia libereco ja kostas tro kare en sociaj rilatoj.

– Ne. Liberaj kaj mastroj sin sentas la homoj, ne kontraŭ la skeleto de sia nacilingvo, sed en la viva ludado de la sentoj sur tiu netuŝebla bazo...

– Rilate al Esperanto la situacio estas ĝuste la sama. Dume, ĉe lernita eksterlanda lingvo...la parolantoj sentas nenie liberecon kaj ne povas esprimi facile siajn sentojn pro timo rompi la skeleton mem. Kiuj tamen kuraĝas, tiuj elbuŝigas apartan personan dialekton, eble ĉarman kaj amuzan, eble teruran kaj suferigan...Oni ne rakontu pri libereco, kiam la homoj devas timi improvizan paroladon kaj ne povas eĉ skribe publiki senĝene sian intelektan penson kaj ankoraŭ malpli sian vivan sentesprimadon...

– Estas nedubeble, ke la plej forta antaŭjuĝo kontraŭ Esperanto venas de sincera kredo, ke ĝi posedas nur la fiksan skeleton kaj neniun eblecon de vivo kaj delikata esprimo de nuancoj. Se la intelektuloj tion kredantaj bonvolus fari la paŝon de nura antaŭjuĝo al objektiva scienca esplorado, tio estus granda gajno por la vero kaj sekve por la homaro. Nur sur la vero estas eble konstrui tion, kio daŭru.

*kun la permeso de SVISA RADIO INTERNACIA*

# KONCIZA HISTORIO DE LA ESPERANTO-LITERATURO

*LG daŭrigas ĉi-sube la historion de la Esperanto-literaturo, kiu troviĝas en la giganta hispanlingva „Enciclopedia Universal Ilustrada Europeo-Amerikana".*

Al tiu mirinda verkista grupo (La Skota Skolo) aliĝis baldaŭ anglino, Marjorie Boulton (1924), kiu kunigis en sia libro "Kontralte", en 1955, siajn poemojn disĵetitajn en multajn eldonaĵojn kune kun aliaj neeldonitaj. Post tiu ĉi libro sekvis aliaj poemlibroj : "Cent ĝojkantoj", 1957, "Eroj", 1959, kaj prozaĵo, "Kvarpieda kamarado", 1956, "Dekdu piedetoj", 1964, kaj la eksterordinaraj romanetoj "Okuloj", eldonitaj en 1967.



**Marjorie Boulton**

Marjorie Boulton estas unu el la grandaj nomoj de la esperanta literaturo.

El la tronombraj poetoj aperintaj inter la jaroj 50 kaj 60 menciendas la braziliano Sylla Chaves (1929), aŭtoro de "Por pli bona mondo" 1970, Geraldo Mattos (1931) kiu en 1953 komencis grandan verkon "La tento de la junulo", krome "Ivan VI", post kiu sekvis "La nigra Spartako" 1955, "Miniaturoj", 1959; "Ritmoj de vivo", 1968 kaj "Arĉoj"; kaj antaŭ nelonge, Roberto Passos Nogueira (1949), unu el la plej interesaj junaj poetoj, kiu alportis lasthorajn novaĵojn al la esperanta poezio, tra sia ofta kunlaborado en la gazetaro kaj tra sia libro "Vojo kaj vorto", 1972; la portugalo Manuel de Seabra (1932) kiu aperigis neniun libron, sed havas longan kunlaboradon poetikan dise en revuoj kiel "Sennaciulo", "Norda Prismo", "Sennacieca revuo" kaj "La Espero"; la bulgaro Ivan St. Georgiev, kiu en 1962, aperigas la libron "Provo alfronti la vivon", kie li prezentas poezion iomete sentimentalan sed ne senkvalitan, la italino Clelia Conterno Cuglielminetti, poetino kaj romanistino ankaŭ en sia patrina lingvo, kiu en 1970, aperigis la libron "Eta vivo", poezio tre inteligenta; la sudafrikano Edwin de Kock (1930), aŭtoro de "Ombroj de la kvara dimensio" 1961, "Fajro sur mia lango" 1967, "Poemoj kaj prozeroj", 1970, kaj "Kvin elementoj" 1970, poeto tre abunda, sed, kelkfoje, iomete malfacila en sia originaleca serĉado; la ĉeĥino Eli Urbanova (1922), kies poemoj aperis en la ĉefaj esperantaj revuoj antaŭ eldono, en 1960, de sia libro "Nur tri kolorojn", kiu donis al ŝi gravan pozicion en la literatura panoramo; la islandano Baldur Ragnarsson (1930), kiu menciindas kun siaj libroj "Ŝtupoj sen nomo" 1959, "Sub Stelo rigida" 1963, kaj "Esploroj" 1973, poezio el pesimisma humaneco, kun aliroj al mistikismo kelkfoje; la anglo A. D. Foote (1931); la ĉeĥo Stefo Urban (1913), kiu aperigis "Moderna Eŭropo"n 1961, fabeloj epigramformaj, ironiplenaj; la dano Paul Thorsen (1915), tre konata kiel tradukisto kaj aŭtoro de du poemlibroj "Rozoj kaj urtikoj" 1954 kaj "Sen paraŝuto" 1963, kiuj instigis Szilàgyi, nomi lin "nia humoristo plej serioza"; pli ĵuse, la nederlandano Albert Goodheir, kiu post la

aperigado post multaj jaroj de siaj poemoj en la gazetaro, en 1974 lanĉis la libron "Merlo sur Menhiro", kaj la anglo Victor Sadler, jam tre konata pro siaj poemoj disaj en la gazetaro, kun sia "Memkritiko", aperigita en 1967, kiu montras klare kiel la esperanta poezio kultiviĝas kvazaŭ temus pri lingvaj kreaĵoj en normala kulturlingvo. La poetika voĉo pli ĵusa estas Dapne Lister, pro sia libro "Ĝis nun" aperigita en 1971.

Kiel apartenanta al la rakonta kampo, ni jam menciis la verkojn de grandaj verkistoj kiel J. I. Francis, Marjorie Boulton, Raymond Schwartz, Reto Rossetti kaj Ferenc Szilàgyi, sed oni ne povas forgesi pri Cezaro Rossetti (1901-1950), kiu lasis nur unu libron, la romanon "Kredu min, sinjorino" tradukitan jam al diversaj lingvoj, notindan verkon kiu konstituas, krome, pruvon pri la granda viveco literatura de Esperanto, ĉar li uzas ĵargonajn kaj dialektajn formojn propraj al lingvo kun vivo kaj disvolviĝo propraj.



ENCICLOPEDIA

VNIVERSAL ILVSTRADA

EVROPEO-AMERICANA

ETIMOLOGÍAS

VERSIONES DE LA MAYORÍA DE LAS VOCES EN

Francés, Italiano, Inglés, Alemán, Portugués, Catalán

Esperanto

TOMO III

BARCELONA

HIJOS DE J. ESPASA, EDITORES

579-CALLE DE LAS CORTES-579

Alia grava verkisto estis la hungaro Sàndor Szathmàri (1897-1974), kiu famiĝis sialande pro la tradukoj de siaj verkoj skribitaj originale en Esperanto. Lia libro "Vojaĝo al Kazohinio", 1958, prezentas fabelon pri homo kiu, kiel Gulliver, vojaĝas al insulo, kie la homoj estas tiel ideale perfektaj ke ili jam ne estas humanaj. Lia alia verko, sciencfikcia, "Maŝinmondo", estas ankaŭ notinda verko tiuĝenra.

El Japanujo alvenas kelkaj prozistoj tre interesaj. Krome, post la "Skota Skolo", kiu regas la literaturan scenon dum la unuaj dekoj post la dua mondmilito, la centro de la esperanta literaturo translokiĝas iom post iom al Oriento, al Japanujo, kie nuntempe estas grupo de mirindaj verkistoj. Miyamoto Masao (1913), jam konata kiel poeto, kaj tre grava, pro sia libro "Invit' al Japanesko" 1971, lanĉas ankaŭ prozan majstroverkon, kiu estas la rakonta libro "Pri arto kaj morto", tradukita al la hispana kaj al la portugala lingvoj, kaj, krome, la romanon "Naskitaj sur la ruino-Okinava" en 1976. Tiuj ĉi du libroj metis Miyamoto Masao-n inter la plej grandajn prozistojn modernajn en Esperanto.

Rilate al Konischi Gaku, li meritas specialan atenton pro siaj du mirindegaj rakontlibroj de sciencfikcio satira : "La kosmoŝipo Edeno num. 5" 1971, kies unu rakonto titolas "La subtera Elizeo", kaj "Vage tra la dimensioj", 1976. En 1975 aperis ankaŭ en Japanujo literatura verko de nova japana verkisto, ĝis tiam konata nur kiel tradukisto : Yagi Nikei. Lia libro rakonta, "Mozaiko Tokio", prezentas panoramon notinde vivan de la ĉiutaga vivo en la nuntempa Tokio, kaj malkaŝas alian gravan verkiston kiu enmetas Japanujon je la unua loko en la esperanta literaturo. Li priskribas

azilo-modelon por maljunuloj, kies cerboj estas disigataj el iliaj korpoj kaj entenataj en ŝtalaj skatoloj, kie, programitaj per marka sistemo, loĝas perfektmaniere.

Ne tiom ambicia Ueyama Masao, kunigis, naŭ rakontojn, tre interesajn en sian libron "Ne grimacu!", post kiu sekvis "Pardonon", 1970, kun inteligenta humuro plej subtila.

En 1936, la japana ĵurnalistino Hasegawa Teru (1912-1946) edziniĝis kun ĉina esperantisto, kiu lernis en Tokio. Kiam komenciĝis la milito ĉino-japana, en 1937, ŝi devis forlasi Japanujon. Ili vojaĝis tra Ĉinio, kie ŝi estis arestita pro suspekto esti japana spiono. Liberigita, fine, kaj denove kun sia edzo, ambaŭ unuiĝis kun la rezistantoj kontraŭ la japanan imperiismon. La atesto de ŝia vivo estis eldonita en du libroj : "Flustr' el uragano", 1941, re-eldonita antaŭ nelonge en Japanujo, kaj "En Ĉinio batalanta", 1945. Por koni kio estis Ĉinio antaŭ la dua mondmilito oni devas legi Hasegawa Teru-n kaj Eroŝenkon.

*( daŭrigota )*

*esperantigis* ***J. Rafols***

## PRI "APOKALIPSO NUN"

„Apokalipso Nun" estas unu el la plej rimarkindaj filmoj de la lasta jardeko. Por malfajnuloj ĝi kvazaŭas militfilmon, sed ĝi estas tute alia. Ĝi estas moderna dramo, en kiu, kiel en Wagneraj operoj, la bildoj, muzikoj kaj tekstoj minacadas la faton. La dramo estas la frenezo. La frenezo de elita homo, kiu, edukita en Okcidento, devas militi en Oriento. Li rapide komprenas, ke kiam marksismo miksiĝas kun orientaj pensmanieroj, io nekomprenebla por li rezultiĝas, kaj tio nekomprenebla perdigos la militon al Usono. Nu, kolonelo Kurz estas Usonano, brila oficiro kaj sentema homo. Li volas kompreni siajn malamikojn, por efike kontraŭbatali ilin. Lia intelekto estas sufiĉe bona por eltrovi la malamikan sistemon, lia volpovo sufiĉe forta por redoni baton pro bato, sed lia menso ne eltenas la premon de la hororo, en kiun li enprofundiĝas. Kiam liaj superuloj revokas lin, li ne obeas, li ne revenas, li daŭrigas la batalon laŭ individuaj metodoj, per sia privata armeo flavrasa. Sekreta agento devas alsupri la Mekongon, por lin trovi kaj lin mortigi. Kiel en klasika dramo, la kolonelo estos oferaĵo memkonscia. Sufiĉe gravas, kiel li klarigas la ŝanĝon de konduto, kiun la generaloj nomas frenezo. Plej ofte la subskribaĵoj ne honeste tradukas la parolojn de Kurz, sed eĉ por tiuj, kiuj bone scipovas la usonan, pro la bela rolado de Marlon Brando, la teksto de la monologo perdiĝas. Oni ja ne povas ĉion kaptadi samtempe. Jen senpretenda Esperantigo de la monologo de kolonelo Kurz, el la filmo de F.F. Coppola : „APOCALYPSE NOW".

*MONOLOGO DE KOLONELO KURZ*
*el filmo de F.F. Coppola, „Apokalipso Nun"*

*...Mi vidis hororaĵojn, hororaĵojn kiujn ankaŭ vi vidis. Vi ne rajtas trudnomi min "murdisto", sed vi rajtas mortigi min. Vi rajtas tion fari, sed vi ne rajtas eljuĝi min. La vortoj estas*

**Internacia Esperanto-konferenco 1988**

**okazos en Metz, Francio, de la 30a de julio ĝis la 6a de aŭgusto. La temo de la konferenco estas: "Internacia kaj naciaj kulturoj sojle de la dua jarcento de Esperanto". Prelegos prof. E. Pauli, G. Silfert, W. Zelazny, E. de Zilah... Okazos lingvokursoj kaj distra programo animota de K. Jakobo el Kanado.**

senpovaj ... klare priskribi ... tion, kio necesas al tiuj, kiuj malscias tion, ... kion „hororo" sencas. La hororo ... la hororo de ia vizaĝo... Kaj gravas igi la hororon amiko. Ambaŭ hororo kaj morala teruro estas viaj amikoj kaj se vi ignoras ilin, tiam ili estas ege timigaj malamikoj, kiujn endas timegi. Jes, aŭtentikaj malamikoj.

Jes, mi memoras ke, kiam mi estis en la „specialaj plotonoj" - ŝajnas al mi, ke antaŭ jarcentoj tio okazis — tagon ni aliris tendaron por vakcini infanojn kontraŭ poliomjelito. Subite ni ekvidis oldulon postkuri nin, plorante, nekapablan paroli. Amare, ni retrois sur niaj spuroj;

la aliaj alvenis post ni kaj detranĉis ĉiujn vakcinitajn brakojn, ... senescepte. Ili estis enstakigitaj surgrunde : stako de braketoj. Kaj mi memoras... mi... mi eklarmegis, mi plorsingultis kvazaŭ... kvazaŭ avinjo. Mi volintus elŝiri miajn dentojn, mi ne scias kion mi estus volinta. Mi volas primemori tion, neniam mi volas tion forgesi! Poste mi ekkonsciis, kvazaŭ mi estus vundita per diamanto... trafita ĝuste en la frunton per diamanta kuglo. Kaj mi pensis : Dio mia! Kia genio en ĉio ĉi! Kia genio, kia volpovo por elfari tion! Perfekteco! Tio estis vera, kristala, pura. Kaj poste mi ekkonis, ke tiaj homoj estis pli fortaj ol ni, ĉar ili kapablis elteni tion. Ne estis monstruloj, estis homoj, trejnitaj kadroj. Ĉi tiuj homoj, kiuj batalis tutkore, havis familiojn, havis infanojn, estis troplenaj je amo, kaj ĉi tio donis al ili la forton... la forton... fari tiel. Se mi havus dek tiel harditajn diviziojn, niaj problemoj, ĉi tie, tre rapide solviĝus. Endas havi homojn, kiuj estu moralaj kaj samtempe estu kapablaj... utiligi siajn... siajn instinktajn impulsojn por mortigi senemocie, senpasie. Kaj precipe senjuĝe, jes ja... senjuĝe... ĉar estas **la juĝado**, kiu triumfas super ni.

Mi timas, ke mia filo ne kapablos kompreni tion, kio mi emis esti.



Marlon Brando (kolonelo Kurz) en la filmo "Apokalipso nun"

# LA GRAMATIK[L]A PUNKTO

## TEMP - ESPRIMADO

Verbo estas ĉefa vorto, ne nur pro la ago aŭ stato, kiun ĝi signifas, sed ankaŭ pro tio, ke ĝiaj konjugaciaj formoj indikas tempon (eĉ tial ĝi estis nomita en la germana lingvo "Zeitwort", la tempvorto).

La tempo prezentiĝas laŭ du vidpunktoj :

- la tempo relativa rilatas al la parolanta persono:
  - ĉu nuntempa, t.e. la prezenco -as,*
  - aŭ antaŭtempa, t.e. la preterito -is,**
  - aŭ posttempa, t.e. la futuro -os;

  aŭ al aliaj tempoj:
  - ĉu samtempa, antaŭtempa aŭ posttempa sed tiam ĉefe precizigitaj per adverboj : "jam", "antaŭe", "poste", "plu", "nun", k.t.p.; aŭ per konjunkcioj : "kiam", "dum", k.t.p.
- la tempo absoluta koncernas agon en ties plenumiĝo:
  - jam principe pri tio la simplaj tempoj entenas ideon -

    la PREZENCO povas implici agon en plenumiĝo

*Maria skribas leteron - ŝi estas nuntempe en skriba aktiveco;*

la PRETERITO povas implici agon plene finitan

*Maria skribis leteron - ŝi finis la skribadon de la letero,*

la FUTURO povas implici agon nur antaŭviditan

*Maria skribos leteron - ŝi intencas aŭ decidis skribi la leteron;*

- sed la kunmetitaj tempoj pli precizigas la ideon per tio, ke :

  la HELPVERBO montras la tempon relativan :

*Maria estos, estas, estis ...*

dum la PARTICIPO montras la tempon absolutan :

predikatan : *...skribonta leteron - kun la intenco aŭ decido skribi leteron,*
imperfektan : *...skribanta leteron - plenumanta la skribadon de la letero,*
perfektan : *...skribinta leteron - fininta la leteron.*

* krome la prezenco povas esti samtempa (kutima, eterna, proverba) aŭ historia (stilefekto).
** ankaŭ la preterito povas esti kutima.

## RIMARKOJ

1 - Tempaj adverboj kaj adjektoj (tempkomplementoj) ebligas nuanci la verbtempan esprimadon :
*Maria tuj skribos la leteron, t.e. senprokraste, post momenteto...*
*Maria ĵus skribis la leteron, t.e. preskaŭ nune nur antaŭ momenteto...*

2 - La ag-signifo influas la tempon absolutan :

- principe ago havas komencon, daŭron, kaj finan rezulton,

*Maria skribos, skribas kaj skribis leteron (tuj - nun - ĵus).*

- sed ekzistas agoj sen daŭro* kiel "forgesi", "kompreni", "perdi" k.t.p., ĉar en ili la komenco kaj la fino koincidas :

*Maria forgesis kunpreni sian ŝlosilon - ŝi estis ne forgesanta, sed ja forgesinta!*
Cetere ĉu estus imageble, ke ŝi bezonas tempon por la ago forgesi en si mem?

* sen daŭro, krom ripetado : *ĉiusemajne la ŝlosilo estis forgesata!*

- kompense estas agoj, kies senrezulta fino kvazaŭ neus la agon mem, kiel "ami", "estimi", k.s...

*Kiu konsentus sin turni al amiko per saluto "Estimita amiko" aŭ al sia edzino per alvoko "Amita..."? Neniu, ĉar ĉiu sentas, ke oni estas nur estimanta aŭ amanta, se ne, oni jam ne estimas, nek amas.*

**E K Z E R C O J** : (Uzi la ĝustan formon por la participo en jenaj frazoj) -

1 - Lupo dorm... ŝafon ne kaptas.[z] 2 - Pas... doloro for el memoro.[z] 3 - En la lingvo "Esperanto" ni vidas la est... lingvon de la tuta mondo.[z] 4 - Kiam Nikodemo batas Jozefon, tiam Nikodemo estas bat... kaj Jozefo estas la bat...[z] 5 - Pasero kap... estas pli bona, ol aglo kapt...[z]. 6 - Ŝi amis kaj estis am...[z].

**S O L V O J** : - 1. dorm<u>a</u>nta - 2. pas<u>i</u>nta - 3. est<u>o</u>ntan - 4. bat<u>a</u>nto / bat<u>a</u>to - 5. kapt<u>i</u>ta / kapt<u>o</u>ta - 6. am<u>a</u>ta.

## EKU-KURZO

LA GAZETO utiligadas nur la ekuon kiel monunuon. La ekuo estas Eŭrop-Komunaĵa Unuo (EKU) de kalkuloj. Kiam temas pri naciaj monunuoj LG nomas ilin „**spesoj**", kaj, por difini ilian fontoŝtaton, metas la internacian poŝtkodan mallongigon antaŭ ilin. Ekzemple, „26Ds" signifas : „26 germanaj markoj el Federacia Germanio".

*1 EKUO VALORIS JE 20 JAN 88*

| | | |
|---|---|---|
| *14.60 As* | *141.00 Es* | *7.90 Ns* |
| *43.20 Bs* | *6.98 Fs* | *2.33 NLs* |
| *1.60 CDNs* | *0.694 GBs* | *170 Ps* |
| *1.68 CHs* | *165.00 GRs* | *7.45 Ss* |
| *2.07 Ds* | *1520.00 Is* | *5.03 SFs* |
| *7.95 DKs* | *159.00 Js* | *1.24 USAs* |

## LA DEKERAAA TEKSTO SENERARIGITA

*La lingvo estas socia fenomeno kaj ne* ***ia*** *"natura" aŭ "biologia" aperaĵo.* ***Tio*** *signifas, ke ĝi povis ekesti, ke ĝi evoluis kaj evoluas* ***ekskluzive*** *en la kadro de la homa socio. La lingvo, do, estas* ***regata*** *de sociologiaj kaj ne de biologiaj* ***leĝoj.*** *Tio ankaŭ signifas, ke la* ***portanto*** *de la lingvo ĉiam estis kaj estas* ***ia*** *homgrupo. Sed* ***tio*** *tute ne signifas, ke* ***tiu*** *portanto estas aŭ devas esti nur la nacio. Ekzistas eĉ hodiaŭ personoj, kiuj emfazas pri la "nacia animo" aŭ pri la "nacia spirito" kiel pri la solaj kreofortoj de la lingvo. Tia erara aserto devas nepre* ***konduki*** *al eraraj konkludoj. Tiel fakte ankaŭ okazas. Malgraŭ la evidentaj faktoj oni ne malofte asertas, ke la Internacia Lingvo estas neebla, ĉar, ja ne ekzistas ia "internacia nacio" kun "internacia animo"!*




**Aĉetpovo de element-lernejaj instruistoj en Eŭropaj landoj.**

**( fonto : "Le Monde de l'Education", jan 1988.)**

# Niaj lastaj fotoj pri I V O L A P E N N A



